„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria** „Kuraĝe antaŭen!“

# Esperantisto

**(Österreichischer Esperantist)**

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio Ŝ 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. Ŝ 2.35, 1/4 j. Ŝ 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiumonato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 5 (120 en la vico). Wien, la 5. de majo 1935. 12. jaro

## Esperanto — Internacia Terminologia Kodo.

De **E. Drezen** — Moskvo.

La konata rusa lingvisto kaj Esperantologo ĵus publikigis gravan verkon: „**Pri problemo de internaciigo de science-teknika terminaro**“ el kies postparolo ni citas sekvantajn, profunde pripensitajn konkludojn. La Redakcio.

Antaŭ dudekkvin jaroj mi estis arda „esperantismano“. Nun mi tia plu ne estas. Sed despli intime mi estas ligita al internacia lingvo, despli energie mi volas al ĝi servi sub formo de Esperanto, historie kondiĉita kiel venkonto en la granda konkuro de artefaritaj lingvoprojektoj. Antaŭ dudek jaroj mi kredis al Esperanto. Nun mi scias, ke la tuta ĉeno de historiaj momentoj garantias por ĝi venkon. Nun mi scias, ke nia esperanta laboro estas nepre necesa, nepre utila, historie antaŭdifinita de la tuta disvolvo de la homaro. Mi scias nun ankaŭ, ke plej bona metodo por konservi adeptojn de Esperanto konsistas ne en tio, ke oni instruu al ili la pasinton kaj la nunon, por ke ili mem sur scienca, sur nerefuteble logika bazo — tiru la necesajn konkludojn, komprenu, ke ne la homoj izolaj, ne la individuaj projektoj kaj faroj, sed la historia logiko antaŭdifinas finvenkon de lingvo internacia sub certa ĝia formo. Ankaŭ fantaziuloj, revemuloj, povas esti utilaj kaj eĉ nun estas utilaj por la movado internacilingva. Sed definite antaŭenŝovas la movadon ne la kredantoj, sed la sciantoj. Tial necesas, ke ni forĝu novan sciencon pri la „lingvokonstrua tekniko“, pri la historio de la mondolingvo, pri la teorio de tiu-ĉi lingvo. Kaj ju pli profunde ni posedos ĉi-tiun sciencon — despli fidelaj ni estos al Esperanto. „Sen revolucia teorio ne eblas revolucia praktiko“ ofte ripetadis Lenin. Tia estas ankaŭ nia respondo al la miopaj homoj, kiuj volas fieri per sia miopeco, per siaj fantaziaj elpensoj, per sia ne kapablo kompreni kaj apliki la dialektikon.

Potence kreskas en la tuta mondo provoj normigi la scienceteknikajn ideojn (konceptojn), unuojn, grandojn, terminojn, simbolojn. Unu el plej bonaj esperantologoj D-ro Inĝ. E. Wüster publikigis en 1931 germanlingve fundamentan verkon „Internacia lingvo-normigo en tekniko“.*) Ĝi vokis konsiderindan reehon inter la teknikistoj de la tuta mondo. En 1932 mi estis metita en la pozicion, kiam ankaŭ mi devis aktive partopreni en la normigo de teknika lingvo de popoloj de USSR. El studoj sur tiu kampo iom post iom maturiĝis la ideo pri internacia scienc-teknika terminologia normo. El daŭraj rilatoj kun laborantoj sur tiu kampo, nenion sciantaj pri Esperanto, ofte rilatantaj al ĝi moke — maturiĝis la formo, sub kiu mi decidis starigi la proponon pri tiu-ĉi kodo. La ideo pri kodo trovas aprobon relative facile, — ni do donu al la fakuloj, laborantaj en tiu kampo eblon partopreni en fiksado de elementoj de tiu kodo. Sed ĉe tiu fiksado, same kiel ĉe akcepto de esperanta alfabeto de la Internacia Komitato por malproksima telefonio (v. § 68 de la libro) — nepre montriĝos, ke sola eblo konsistas en akcepto de konvenciaj artefaritaj normoj kaj el tiuj normoj plej fidindaj, plej elprovitaj estas ja elementoj de Esperanto. Certe povas okazi, ke la scienca terminologia kodo en kelkaj detaloj estos iom diferenca de la nuna Esperanto; sed tia diferenco ja ankaŭ ekzistas inter la ĉiutaga kaj teknika lingvo-uzo ĉe ĉiuj nacioj; ĝi ekzistas ankaŭ ĉe Esperanto. Kaj se ni kuraĝas enkonduki novaĵojn en la sciencan terminologion eĉ de la naciaj lingvoj, ni do devas havi la saman rajton rilate al la scienca terminaro de Esperanto. Mi do estas profunde konvinkita, ke la elementoj de scienca teknika terminologia kodo, se nur ili estos akceptitaj per iu konsiderinda aŭtoritato, nepre eniros la esperantan praktikon.

Zamenhof siatempe revis, ke la sorton de la internacia lingvo decidos internacia aŭtoritata institucio, starigita de la registaroj. Internacia Normig-Asocio (ISA) unuigas naciajn normigkomitatojn de ĉiuj konsiderindaj landoj kaj estas fondita per interkonsento de la registaroj. Do, sub formo de ISA ni havas ĝuste tiun centron, kiu povus aŭtoritate solvi la problemon pri faciligo de internaciaj lingvaj rilatoj, pri starigo de internacia terminologia kodo, eĉ pri akcepto de kompleta sistemo de internacia lingvo.

Por tiri ISA-n kaj la naciajn normigkomitatojn al tiu laboro — montriĝis plej akceptebla kaj komprenebla (por ili) la propono ne pri internacia lingvo, sed pri starigo de internacia kodo. Taŭgeco de tiu propono estis fiksita per prezento de tiu raporto al

*) Konciza eldono de tiu ĉi ampleksa verko aperos ankoraŭ ĉi-jare en la eldonejo „Literatura Mondo“, Budapest, en la traduko de D-ro Emil Pfeffer. (Rim. de la Redakcio.)

la Terminologia Komisiono de Akademio de Sciencoj de USSR. Por montri la solan praktikan eblon antaŭenpuŝi la internacian terminaran unuecigon, kiu nerefuteble konsistas nur en akcepto de la lingvo aŭ kodo mi donis en la enkondukaj ĉapitroj mallongan historion kaj analizon pri ĉiuj provoj [illegible] internacian komunikadon ([illegible] sistemoj, pazigrafioj, [illegible] ktp.). La 6-a ĉapitro [illegible] raporto donas resumon kaj [illegible] konkludon. Aldone al tiu ĉapi[illegible] mi volas deklari jenon — spe[illegible] por esperantistaj legantoj. La amasa praktika uzado de Esperanto nepre kaj konstante vastiĝos tiun homan bazon, kiu siatempe antaŭdifinos ĝeneralan akcepton de Esperanto — en tiuj, eble modifitaj, formoj, kiujn donos al Esperanto dum daŭranta kaj plivastiĝanta ĝia uzado la esperantistaro. Sed paralele kun tiu vastamasa uzado de la lingvo, nun povas veni nova stimulilo por akcepto de internacia lingvo kaj tiu stimulilo povas esti la internacia terminologia kodo, akceptota de la Internacia Asocio por Normigo. Necesas nur, ke de la komenco mem tiuj du vojoj havu komunajn elirpunktojn kaj antaŭfiksu komunan finan celon. Ju pli multe la esperantistoj partoprenos, ne nur en la amasa uzado de la lingvo, sed ankaŭ en prilaboro de koncernaj teoriaj problemoj, ju pli multaj fakuloj, teknikistoj (ankaŭ fakuloj pri lingvo-normigo en tekniko) fariĝos esperantistoj, despli certe la ambaŭ vojoj finkondukos al la sama resulto — al pliriĉigo de Esperanto per mankantaj ankoraŭ science-teknikaj terminoj kaj al oficiala akcepto de Esperanto kiel konvencia internacia lingva normo, perilo kaj komparilo por ĉiuj naciaj lingvoj.

El la nunaj scioj, el la nuna sperto [illegible] tia estas la prognozo, kiun oni povas starigi por la estonto. Ĉu ĝi praviĝos aŭ ne — estas alia demando. Tio dependas de tro multaj cirkonstancoj ne antaŭvideblaj. Eble realigon de tiu prognozo malhelpos la minacanta nova milito, starigonta por kelka tempo ne transireblajn barojn inter la nacioj. Eble ĝian realigon malhelpos inerteco de koncernaj normig-komitatoj kaj ne prepariteco de la esperantistoj por influi ĉi-komitatojn?

Sed ĉiuokaze, se tiu provo malsukcesos nun — ĝi estos ripetata estonte. Kaj ĉar sole ĝi povas helpi al internacia terminologia normigo — do ĝi nepre devas iam sukcesi. Se tiu provo sukcesos ne nun, sed dum proksima estonto — ankaŭ nun la esperantistoj estu certaj, ke nia vojo estas la ĝusta. Daŭra kresko de l' esperantistaro kaj de esperanta uzo jam tamen kaŭzos, ke la problemo pri internacia lingvo estos pridiskutata de aŭtoritata internacia centro, ke iam Esperanto estos akceptata kaj rekomendata. Kaj post tiu akcepto de Esperanto venos bezono fikse normigi ĝian science-teknikan terminaron, kio jam estas farata rilate al la naciaj teknikaj lingvoj. Do, se la provo pri enkonduko de normigita internacia terminologia kodo ne helpos nun al pli rapida progreso de la Esperanto-uzo, tiam estonte la kreskanta Esperanto-uzo antaŭdifinos normigon de la internacia teknika terminaro sur bazo de Esperanto. Ĉiuj do vojoj kondukas al Romo. Eksteraj faktoj povas prokrastigi difinitan akcepton de internacia helpa lingvo, sed malhepi tiun akcepton ili ne povas.

Jena estas mia deklaro por la esperantistaro.

## Majo.

(El „Ama Kalendaro" de Wachauer Vagantenbrevier de V. O. Ludwig. Reinhold-Verlag.)

Balbutas poet' dum monato de Venus
»Se per karulino Kardio min benus!«
Ridante ruliĝas herbeje Amor'
»Sin prenu, stultulo, plej taŭgas la hor'!«

*Trad. d-ro Biehler-Graz*




**Adreso:** Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano

**Kongreskotizo:** Nur ĝis fino de junio Liroj 90 (fam. 54, jun. 36) kaj poste L. 100 (60, 40).

**Vojaĝo tra Italujo:** L 498.—.

**Krozado al Afriko:** Pro neatenditaj kaŭzoj LKK en Milano ne povas uzi la jam antaŭ longa tempo luitan ŝipon „Leonardo da Vinci" kaj feliĉe havis la eblon lui per helpo de prez. generalo Bastien de UEA duoble pli grandan kaj pli komfortan ŝipon „Sinaia". Ĉar kompreneble la dismeto de la lokoj sur la du ŝipoj estas malsama, ili devis aranĝi novan tabelon de kategorioj kaj prezoj. Haveblaj estas ankoraŭ:

| | |
|---|---|
| S (salono) kun multaj litoj | L 555.— |
| F (interna kajuto, 4 aŭ 6 litoj) | „ 612.— |
| FF (ekstera) ambaŭ duaklasaj | „ 630 — |
| HH (ekst.) 3 lit. unuaklasa | „ 670.— |
| KK (ekst.) 3 lit., luksa | „ 730.— |

Aliaj lokoj ne plu estas haveblaj.

La monon vi povas sendi per Oesterr. Verkehrsburo, Wien I. Friedrichstrasse, kunsendante vian pasporton, aŭ pere de Intern. Esperanto-Muzeo, kiu uzas same la servojn de Verkehrsbüro.

Aliĝojn por Antaŭkongreso en Innsbruck al s-ro Rol. Kühbacher, Innsbruck-Hötting, Schulstrasse, por Klagenfurt kaj Venezia al Int. Esperanto-Muzeo, Wien I Neue Burg. Al demandoj aldonu respondafrankon!

Ne hezitu,
aliĝu por Roma kaj
Antaŭkongreso en
Innsbruck aŭ Klagenfurt
kaj Venezia, pere de
Intern. Esp.-Muzeo en Wien.

## Informetoj.

**„Princlando Liechtenstein"**, dekpaĝa belege ilustrita faldprospekto en angla, franca, itala lingvoj kaj Esperanto. Kompilita de L. K. R. Kreuz, Genève kaj eldonita sub la aŭspicioj de UEA. Mendebla ĉe Liechtensteinscher Verkehrsverein Vaduz.

**Svislando, Alpa poŝtaro,** Somero **1935".** Jen la titolo de belega faldprospekto, eldonita de la Svisa Poŝto.

**En New Lots High School,** Brooklyn, USA, klaso por Esp. estas enkondukita en la lernejplanon.

**„Ciencia Popular"**, Buenos Aires, 60-paĝa revuo publikiĝis sur du paĝoj artikolojn en Esp., inter ili tutpaĝan pri Int. E.-Muzeo.

**VIII. Jugoslava Kongreso** de E okazos 9.—10. junio en **Osijek.** Adr. I. Trgovački dom.

**Novaj ŝlosiloj** sub la aŭspicioj de UEA-Genève: Sudafrika (Kapholanda), portugala kaj estona (2. eld.)

Statutoj de **„Ligo Internacia** de **E-ĵurnalistoj"** jus alvenis. Fondita 1929. Sidejo Buross, USSR.

E-grupo en **Suĉuo**, Ĉinujo, arangis sukcesplenan E-ekspozicion kaj sendis al IEMW koncernajn fotojn.

**Imprimerie Granchamp**, Annemasse, Franc., anoncas sur siaj negockartoj, ke oni korespondas krom en aliaj lingvoj ankaŭ en Esperanto.

**Intern. Korespondo-Oficejo** por geinstruistoj en Berlin kolektas la adresojn de E-instruistoj el ĉiuj landoj por granda internacia adresaro. Sendu al ni, geinstruistoj, vian adreson kaj ni havigos la tutan liston al Berlin. Lasta ensendotempo ĝis 15. de majo.

**Kolin,** ilustrita 16-pĝ. gvidilo, eld. de E.-klubo en Kolin. Mendu kontraŭ 1 resp. kup.

**Koŝice** (Kaschau), la orienta ĉefurbo de Slovakio, 8-pĝ faldprospekto en lingvoj ĉeĥa, franca, hungara, germana, pola kaj Esperanto. Mendebla senpage de UEA-del. J. Friedrich, Jarná ul. 13, Koŝice, Slovakio.

**Vojaĝoficejo Orbis,** Paris IX., 5 Chausée d' Antin, kun pli ol 60 filioj en la mondo disponigas siajn servojn al la esperantistaro por ĉiuj vojaĝaferoj.

**„Espérantiste Sisteronnais"**, Sisteron, Franc., aperas en pli granda amplekso sub la titolo »La Flore de l'Espéranto«.

**Nova adreso: „Belga Esperantisto"**, 44 Ave. de Bruyn-Wilrijck, Antwerpen.

ITO (Internacia Traduk-oficejo) fondita jus en Ter-Apel, Nederlando, serĉas kunlaborantojn en la diversaj landoj, ne nur por korekti, sed precipe por havigi al si la adresojn de gazetaranoj, verkistoj, eksportistoj.

# Junul-migrado kaj porjunulaj migrantejoj en Aŭstrio.

De Landesregierungsrat D-ro Alfred Mikocki.

Jam antaŭ kvarcent kvindek jaroj la aŭstria urbo Hall en Tirolo enkon-


Junul-migrantejo en Gaming

dukis „ĝeneralan tagon de migrado“ kaj ordonis pomonate almenaŭ unu „refreŝiĝ-ekskurson“ por la gelernantoj sub gvidado de instruistoj. Pasis jarcentoj ĝis kiam la rekono pri la valoro de migrado fariĝis generala. En la jaro 1884 la fabrikanto Guido Rotter el Hohenelbe fondis la unuan noktigejon por migrantaj lernantoj kaj studentoj en la antaŭmilita Aŭstrio. La nombro baldaŭ ĝojige kreskis. Bedaŭrinde tiu evoluo treege suferis pro la mondmilito kaj ties sekvoj. Sed restis la migrademo ĉe la junularo. Por havigi al tiuj junuloj kaj junulinoj bonajn kaj malmultekostajn noktigejojn dum iliaj migradoj doktoro Donin, la tiama gvidanto de „Malsupra aŭstria liglanda porjunulara fako“ (N.-Oe. Landesjugendamt) en la jaro 1919 decidis rekonstruadon sur ĉi tiu kampo. En relative mallonga tempo li sukcesis, krei pli ol sesdek de tiaj oficialaj landligaj noktigejoj en Malsupra Aŭstrio. Ili estis instalataj en lernejoj, en apartaj konstruaĵoj, tre ofte en iamaj, sed ankaŭ en nuntempaj monaĥejoj, kiuj volonte disponigis la necesajn ejojn por la junularo, parte ili estis ankaŭ en malnovaj kasteloj aŭ similloke. Ne malmultaj el ili do estas ankaŭ tute laŭ junecaj emo kaj sento sufiĉe romantike situitaj. Jen kelkaj, troviĝantaj en ĉarmaj regionoj de Malsupra Aŭstrio: Antaŭ ĉio Gaming, vere modela, en la antikve inda iama kartuzio; Lunz ĉe la ĉarma samnoma lago, ne malproksime de la pilgrimejo Maria Zell, plue en la belega parto de Danubo-valo, nomita Wachau, nome Aggsbach, kastelo Dürnstein, en la benediktana abatejo Göttweig, en la pilgrimloko Maria Laach, en Krems, Melk k. a. en Kamp-valo en la benediktana monaĥejo Altenburg. Sed ankaŭ en la montaro ili ne mankas. Ni trovas tiajn noktigejojn en Maria Schutz sur Semmering, supre sur monto Hohe Wand (1800 m), en Reichenau ĉe Rax ktp.

Same en la aliaj aŭstriaj ligolandoj kiel en Supra Aŭstrio, Salzburg, Tirol, Stirio, Vorarlberg, Karintio kaj Burgenland ekzistas tiaj konvenaj noktigejoj por la migranta junularo, kvankam ili tie ankoraŭ havas pli privatan karakteron kaj estas posedo de junulo-organizaĵoj aŭ turistaj ligoj.

En Wien ekzistas oficiala ŝtata noktigejo por gelernantoj, moderna kaj sufiĉe ampleksa.

La granda valoro de junulmigrado, precipe por la granđurba junularo, en sanneca, socia kaj kleriga rilatoj estas evidenta. Tion konsiderante la kompetentaj faktoroj de porjunulara prizorgado favore helpas kaj plej eble oficiale subtenas ĝin. La aŭstriaj Federaciaj Fervojoj kontribuas sian


Junul-migrantejo en Lunz am See

parton per je 50% rabatitaj biletoj por junul-migrantoj kaj ties rajtigitaj gvidantoj. Tamen oni unuavice celas, ke la junularo plej eble piede tramigru sian hejmlandon, tiom riĉan je naturbelaĵoj. Jam Rosegger, nia popolpoeto diris: „Mi faris multajn vojaĝojn dum mia vivo, sed la plej belajn memorojn mi konservas pri miaj piedmigradoj.“ Kaj Goethe diris: „Kion mi ne lernis studante, mi lernis migrante.“

La menciitaj noktigejoj ebligas al la migradema junularo do malmultekostan nokt-restadon kaj fortenas ĝin de la gasteja atmosfero kaj ties trink- kaj fumkutimoj. Kiel junulaj migrantoj estas konsiderataj junuloj aŭ knabinoj, ne pli ol dudek-jaraj, respektive iliaj gvidantoj ankaŭ pli aĝaj. La nokt-restad-prezo kutime estas kvardek groŝoj po persono kaj nokto. Oni akceptas grupojn, sed ankaŭ unuopajn migrantojn kun konformaj, validaj legitimiloj. La alveno en la noktigejo devas esti laŭregule antaŭ la oka vespere. Por junuloj kaj junulinoj ekzistas apartaj ejoj. Fumado kaj konsumado de alkoholo estas nepre malpermesataj.

Estas klare, ke tia migrado kun sia modesta, malluksa vivmaniero, kiun la samcele simple sed enorde kaj pure instalitaj noktigejoj esence helpas, estas saniga kaj hardanta por la junularo. Samtempe ĝi eduke influas la junajn homojn al certa memstareco, ordemo kaj, tute sen devigo kaj premo, al interne fundita vera disciplino. La dum-migra kunvivado de homoj, venantaj ofte el malsamaj medioj, sociaj rangoj kaj rondoj, instigas al socia kompreno kaj nobla porpace taksinda kamaradeco. Laŭ instrua kaj kleriga vidpunktoj ĝi prezentas kvazaŭ bonegan rektan metodon, ampleksantan diversajn fakojn kaj disvastigantan la horizonton.

Certe tiu permigra konatiĝo de la juna generacio kun la montoj kaj valoj, arbaroj kaj kampoj de ĝia hejmlando kaj ties popolo akcelas la pozitivan senton de ĝuste taksata amo al la patrujo. Kaj tial la junaj homoj, kiuj lernis koni kaj ami siajn hejmlandon kaj ties loĝantaron, ankaŭ emiĝos montri intereson kaj komprenon pri aliaj landoj kaj popoloj. En tiu rilato la translima junul-migrado ludas signifan rolon.

En ĉiuj junul-noktigejoj ja ankaŭ alilandaj junuloj kaj junulinoj estas samkondiĉe akceptataj. Tiu reciproka interrilato de diverslandaj gejunuloj por la migrado, al kiu ankaŭ en iom pli vasta kadro apartenas la jam sukcese praktikita interŝanĝa migrado kaj vojaĝado de gejunuloj, precipe lernantoj kaj studentoj, rajtas esti rigardata kiel porpaca elemento, esperiga en la nuna kriza tempo. Tiel junul - migrado kaj junul - noktigejoj, perantaj veran korpan kaj spiritan edukon kaj


Junul-migrantejo en Krems

[illegible] de la junularo, servas samtempe al hejmlanda [illegible] kulturoj. — Sed [illegible], kiu utilas al alproksimiĝo kaj interpaciĝo de la nacioj, estas guste por Aŭstrio kun ĝia internacie signifa situo kaj multa historia heredaĵo, [illegible] sanktaj tasko kaj devo.

En tiu kontakto interesos vin, ke en Mondsee en Supra Aŭstrio okazos dum 3.–15. de aŭgusto sub la protekto de la ĉeflanda estro por Supra Aŭstrio d-ro Gleissner „Internacia Pax Camp", mallonge nomita Paxo, kiu celas unuigi



Gaja vesperkunesto

pacamantajn homojn, speciale la junularon en minimuma aĝo de dek-kvar jaroj, el ĉiuj landoj de la mondo, por kontaktigi ilin plej ege per la komunaj tendaro, diskutadoj, artecaj prezentadoj, ekskursoj, konkursoj ktp. kaj por doni al ili la okazon, iĝi sinceraj kamaradoj en la senco de la paco kaj de la popol-interkompreniĝo.

*Trad. Walter Mudrak.*

◆

La kliŝoj estas disponigitaj de N.-Oe. Landesjugendamt.

## Sonoj kaj resonoj el la Esperanta Gazetaro.

Redaktas: D-ro Emil Pfeffer.

### Nenio-Io.

Patriot-iste la publikon
Inciti kontraŭ malamikon,
Estas nenio;
Sed sinofere, kun konsci'
Morttali sur la frontlini',
Jen estas io!

La krizon solvi sur papero
Per silogismo aŭ cifero,
Estas nenio;
Sed malaltigi, laŭ tarif'
La prezon ankaŭ de l' rosbif',
Jen estas io!

Promesi, kiel kandidato,
Ke ordo regos en la ŝtato,
Estas nenio:
Sed en la parlamenta dom'
Restadi mem honesta hom',
Jen estas io!

Kritiki, kiel teologo,
La malbelecon de l' mensogo,
Estas nenio;
Sed eĉ en la impost-deklar'
Eviti ŝajnon de erar',
Jen estas io!

Aspiri al eterna paco
Kun ĉiuj sur la tersurfaco,
Estas nenio;
Sed diri: „Mi adoras vin!"
Al sia propra bopatrin',
Jen estas io!

Admoni siajn samlandanojn,
Ke ili havu do infanojn,
Estas nenio!
Sed mem, persone, sen prokrast'
La manon meti al la past',
Jen estas io!

Rimaĵojn skribi, ho poeto!
Kaj ilin sendi al gazeto,
Estas nenio:
Sed siajn rimojn kun jaluz'
Konservi por privata uz',
Jen estas io!

Kaj tion mi ne povas . . .
Raymond Schwartz.

(Franca Esperantisto, l. 35)

## Esperanto en aŭstriaj komercaj lernejoj.

Ministerio por Instruado per aparta reskripto donis la permeson instrui duan fremdlingvon aŭ Esperanton en niaj komercaj lernejoj. Ni publikigos la tutan reskripton en la venonta numero.

Ni ĝojas pri ĉi tiu nia sukceso kaj povas diri, ke ankaŭ aliaj tre gravaj sukcesoj estas dumvoje. AEA.

### Radio Esperanto-Servo.

8. majo: E. G. Bernfeld „Arthistoria Muzeo en Wien"
15. majo: reg. kons. Steiner „Humoro el Wien"
22. majo: Maria Fiedler „Bruckner memorfesto"
29. majo: Inĝ. H. Steiner „Nia bela Wachau"

### Ĉesiĝo de la Laborista E-Asocio en Hungarujo.

La plej granda E-societo ĝi estis en Hungarujo, multaj grupoj apartenis al ĝi kaj ili faris gravan kulturlaboron. En junio 1934 la ministerio disigis ĝin. Diversaj strangaj aferoj okazis en la kadro de HESL kaj ni informiĝis pri laŭdire grava respondeco de la lastaj gvidantoj. Sed kial oni ne forigis tiujn, kiuj estis danĝeraj kaj suspektindaj? La social-demokrata partio eksigis kelkajn monatojn antaŭe HESL el sia kadro anstataŭ esplori detale kaj simple reorganizi.

(El „Hungara Heroldo")

### Floras narcisoj.

Ruĝa vesto, blondaj bukloj,
Venas jen infan' al ni;
Ĉar narcisoj floras, — petas
Je bukedo granda li.

Ruĝa vesto, flavaj floroj,
Ĉarma estas la kolor';
Kaj vizaĝo roza brilas
Kvazaŭ en bukeda flor'.

Ruĝa buŝ', okuloj bluaj
Dankas pro la florbuked';
Kaj la ruĝa, flava, blonda
Malaperas tra l' pordet'.

*Rajmundo K. Peter*

## Korespondado

**Mallongigoj:** P=pkarto, l=letero, I=ilustrita, bf=bildflanke, PM=poŝtmarko.

**Danujo.** C. Mathiassen, Aalborg, Karlundsvej 3. Pm.

**Hispanujo.** Joaquin Villarodona, Arbucias (Gerona), Calle Fco. Masia 79. Kor.

**Italujo.** A. Reiter, **Merano**, Portici 12. Pm.

**Japanujo.** R. Morimune, **Osaka**, 285 Nakagawacho, Higashinariku. Pm.

**Francujo.** Michel Beck, **Marseille**, 91 Bd Notre Dame. Pm.




Red. reg. kons. Fr. Stengel.

**Justeco:** Kohn, kiu vivas ekster Wien, havis proceson, kiun gvidis por li Wien-a advokato. La proceso daŭris tre longe, sed fine Kohn ĝin gajnis. Lia advokato depeŝis al li: »La justo venkis.« — Tuj Kohn resendis depeŝon: »Apelaciu!«.

**Dum etnologia instruhoro.** La instruisto klarigas la vorton »nomadoj«: »Nomadoj estas homoj, kiuj senripoze migradas de unu loko al alia. Ĉu vi povas doni al mi ekzemplon?« — »Nia familio s-ro instruisto«. — »Kial do?« — »Ni ŝanĝis nun ĉiujare kvin-foje nian loĝejon«.

### Ciferenigmo.

Red. Karl Haager.

1 3 4 10 21 1 3 4 . . . pioniro por Esp.
2 11 4 12 3 8 . . . . . iama kongresurbo
3 13 3 8 1 4 3 14 . . . dramo de Goethe
4 15 7 4 5 1 7 8 . . . . iama kongresurbo
5 11 7 16 1 17 14 4 11 iama kongresurbo
6 10 14 4 14 . . ekstereŭropa respubliko
7 14 18 . . . . . . . . estonta kongresurbo
8 7 11 5 14 19 10 20 3 . pioniro por Esp.
9 11 18 17 1 21 14 . . . dramo de Shakespeare

La komencliteroj nomas estontan kongresurbon.

**Solvo el n-ro 4:**
Fundamento. Fun(g)+d(r)am+(k)ent+o.

## La rabo sur kastelo Meilern.

**Edith Heralth estis aktorino, sed baldaŭ sentis en si la emon al verkado. Ŝi verkis multajn romanojn, publikigitajn parte en libroj aŭ gazetoj. Rakontetoj en multaj en- kaj alilandaj gazetoj. Sed ŝia fono estas la kampo de kriminalliteraturo kaj ni ĝojas publikigi unu bonegan rakonteton de ĉi tiu lerta verkistino. Ofte ŝi ankaŭ prelegis el Radio-Wien. Edith Heraith estas Wien-anino kaj kompreneble amas la belan Aŭstrion, kio montriĝas plej bone en ŝia poemo „Blua Danubo", kiun gazeto en sia kritika nomis „multe atendata en la literatura". Ni publikigos „Blua Danubo" en sekvonta numero por fari al vi veran plezuron.**

La eleganta ruĝa sportaŭto enrapidegis la korton de kastelo Meilern kaj per subita ekskuo haltis antaŭ la portalo. Elaste bonstatura viro, sidinta ĝis tiam ĉe la direktilo, saltis tere. Servisto jam staris prete por la akcepto. „Ĉu s-ro Werner Staglin..?" ekaŭdiĝis demando renkonten al la alvenanto.

„Jes. Konduku min al via sinjora moŝto."

Grafo Meilern etendis ambaŭ manojn rekonte al li. „Mi dankas vin, s-ro Staglin, ke vi venis. Via famo kiel sperta detektivo garantias al mi pri tio, ke vi baldaŭ alportos klarecon en la delikatan aferon."

Ambaŭ sidiĝis en la fumĉambro. „Ĉu estas permesate informi min pri la cirkonstancoj?" demandis Staglin. „Fakte ne multo estas raportinda. Antaŭ nelonge mi eltrovis, ke diversaj pecoj mankis el mia arĝentaĵ-kaseto. Unue mi ne atribuis al la afero multan gravecon — eble la aĵoj estis metitaj sur alian lokon. La servistaro estis informita, sed ĵuris, ke ĝi ĉiam estis redoninta ĉion al ĝia loko kaj ne havas iun kulpon pro la manko de la arĝentaĵoj. Nun mi rigardis iom pli precize la kaseton kaj trovis ĉe ties seruro postsignojn de forto, kiuj supozigis ŝtelon. Ideo, kiu ankoraŭ firmiĝis en mi, kiam mi hieraŭ devis konstati la malaperon de oraj manum-butonoj. Tiam mi vokigis vin, s-ro Staglin."

„Ĉu vi havas iun ajn suspekton?"

La grafo balancis la kapon. „Mi ne scius — sed certe oni kompreneble ne povas forŝovi la ideon, ke iu persono el la servistaro partoprenis en ĝi. Gastojn mia hejmo momente ne loĝigas kaj por enrompo de ekster la afero starantaj ne ekzistas. Ĉiuj fenestroj de ĉi tiu izole situita kastelo estas provizitaj per krado kaj la stangoj — mi tuj ordonis inspekton — estas tute sendifektaj. Krome miaj sep gardaj hundoj, kiuj dumnokte libere vagadas ĉirkaŭ la konstruaĵo, garantias, ke neniu fremdulo perforte eniris — kaj ankaŭ tenco kontraŭ la vivo de miaj bestoj ne estis farata."

En la okulojn de la detektivo venis interesa ekbrilo. „Kiel mi aŭdis, vi estas alte asekurata kontraŭ enrompo, via grafa moŝto, ĉu ne?"

La demandito ekscitiĝis. „Kion vi volas diri per tio?"

„Tio estas mia afero. Mi nur petas pri la koncerna klarigo."

Per indigna movo la grafo ĵetis sian ne ankoraŭ ĝis la duono fumitan cigaredon en la cindrujon. „Jes — mi estas asekurata — alte asekurata."

La fingroj de la detektivo intervolviĝis. „Dankon. La informo sufiĉas ĝis plue. Ĉu mi nun povas peti vin, prezenti al mi vian servistaron?"

Kvin homoj venis, sed ne sciis ion raporti, kio estus vekinta la intereson de la detektivo. Liaj okuloj seninterese glitis trans la malgrandan aron kaj nur tute akre-vida observanto povus konstati, ke ili ekzamene kaj cerbume restis por sekundoj sur Heinrich Schreibner, altkreska juna viro, kiu restis — vole aŭ nevole — iomete en la fono.

Kiam la homoj estis finintaj siajn eldirojn, la detektivo ilin forsendis kaj ree sin turnis al la grafo. „Mi pasigos la hodiaŭan nokton sur kastelo Meilern. Ĉu ne, kun tio vi do kalkulis, via grafa moŝto?"

„Certe. Estas malfrua vespero kaj krome ne ekzistas ebleco, likvidi ĉi tiun kazon tiel rapide. Via ĉambro estas pretigata. Ĉu mi povas disponigi por vi iun ajn serviston aŭ ĉu vi havas post la esplorado specialan deziron?"

En la okuloj de la detektivo ĝoje ekbrilis. „Mi dankas vin, s-ro grafo, ke vi tiel plifaciligas miajn klopodojn je sukceso. Jes, min interesas la granda altkreskinta viro — Heinrich li ja nomiĝis."

„Li estu je via dispono", decidis la grafo, sen demandi pri detalaj kialoj.

La du sinjoroj vespermanĝis kune kaj, kiam ili deziris unu al la alia „Bonan nokton", la detektivo diris: „Mi nur dezirus peti vin pri unu, via grafo moŝto: Enŝlosu vin en via ĉambro kaj ankaŭ tiam ne elvenu, se vi eĉ estus aŭdanta suspektindan bruon. Verŝajne ne povos esti evitate, ke mi nokte entreprenos kelkajn esplor-irojn — eble mi renkontos tiam la personon, kiun mi serĉas ĉi tie. Via neatendita interveno povus lin forpeli kaj malebligi miajn intencojn."

„Mi volas resti tiel trankvile kiel ajn vi deziras." Kaj la subsono de ironio en lia voĉo kunsonis tiel mallaŭte, ke la detektivo ĝin ne rimarkis.

Werner Staglin retiriĝis en sian dormoĉambron. Li sidis, tute vestite, en komoda apogseĝo apud la forno, kiam Heinrich eniris la ejon. Sed anstataŭ en repektplena distanco atendi la ordonojn, la servisto — post kiam li kun „Estas pli bone tiel!" estis estinginta grandparton de la elektre flamantaj lumoj tiel, ke la ejo estis en duonmallumo — paŝis al Werner Staglin, kaj frapis lin kamaradece sur la ŝultron. „Nu, ĝis ĉi tie nia plano estus ja sukcesinta. Kiel ni nun daŭrigos ĝin?"

La „detektivo" montris al malfermita valizo, en kiu la plej bonaj enrompiloj briletis. „Tio al vi donas la respondon. Mi kunportos, kio estas kunportebla; la rabo sur la kastelo Meilern devos doni sufiĉan gajnon — ni ĝin ankaŭ vere genie enscenigis. Cetere la ĉifritaj gazetanoncoj, per kiuj vi havigis al mi ĉiujn gravajn informojn, estis vere eksterordinare lerte faritaj."

„Via laŭdo min ege ĝojigas", respondis modeste la alia. „Mi nur timis, ke Werner Staglin, la fia serĉhundo, malgraŭ ĉio trovos nian postsigno."

La kunulo ridis sensone antaŭ si. „Li ĝin ankaŭ trovis — sed ne estis por lia bono. La ĉielo ĝin sciu, kiel li esploris la aferon — ke li sciis pri ĝi, ni sciiĝis el la telefona konversacio, kiun li havis hieraŭ matene kun grafo Meilern kaj en kiu li deklaris, bonvoli sekvi al la invito hodiaŭ vespere. Nun, nia amiko Josef kaj mi metis arbotrunkon trans la straton antaŭ la alveno de lia aŭto, tiel ke li estis devigata halti. Kio sekvis, vi povas imagi. Kiam li malsuprensaltis, ni lin konforme akceptis kaj unu sekundon pli poste li jam estis perdinta la konscion. Mi plue ne zorgis pri li, sed lasis la aferon al Josef, ĉar mi veturis en la sportaŭtomobilo de Werner Staglin ĉi tien, por ludi detektivon."

Kie vi rendevuis kun Josef? Se en la urbo — ĉu ne eventuale persekutantoj estas post viaj kalkanoj?"

„Ne, ni konsentis kunveni ĉe la kurbiĝo de la ŝoseo, kie la surprizatako okazis. Ĉiu venis aparte al la proksimume du kilometrojn de la kastelo malproksima, tre solece situita loko. Krome jam estis tiom mallume je tiu ĉi tempo, ke estis neeble rekoni vizaĝon. Do Staglin certe havas neniun ideon, kiu prirabis lin je lia libereco — kaj ĝis kiam li estos liberiginta sin de siaj katenoj — nun, tiam ni jam longe estos for."

Heinrich pripenseme rigardis antaŭ sin. „Vi diras, ke estis tiom mallume, ke unu ne povis rekoni la vizaĝon de la alia. Ĉu vi povas esti certa, ke estis Josef, kiu helpis vin ĉe la surprizatako — ĉu estas certe, ke Werner Staglin fariĝis via viktimo?"

La pseŭda detektivo rigardis nervoze. „Kiaj ideoj! mi do rekonis lian aŭton kaj krome . . . ."

„Sed se mi diras al vi, ke Josef jam sidis en la malliberejo, kiam la surprizatako okazis, ke prudenta policisto ekokupis lian lokon — se mi diras al vi, ke la viro, kiu en la sportaŭtomobilo de Staglin rapidegis, povis pretendi esti nomata 'okulo de la leĝo' sen pro tio esti Staglin mem — kio tiam?"

„Vi suferas je halucinacioj!"

„Kiel estus, se Staglin estus eltrovinta nian ĉifritan noteton, en kiu la

